# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aprilo n-ro 4/2008

## "ESPERANTO PARA PRINCIPIANTES" REELDONITA

El la Sekretariejo de Brazila Esperanto-Ligo, en Brasília, nia diligenta oficisto Luciano sendas la jenan gravan mesaĝon: REEDITADO "ESPERANTO PARA PRINCIPIANTES" "Ĵus lanĉiĝis la naŭa eldono de la lernolibro "Esperanto para Principiantes"de Aloisio Sartorato, je du mil ekzempleroj, sub aŭspicio de la Ligo. Laŭ la aŭtoro, la verko aperis unuafoje en 1986, komence page de li mem. Post tio, ĝi fariĝis granda sukceso en la tuta lando. Ĝis nun, dek mil ekzempleroj vendiĝis, ekde 1991. Mendu via(j)n ekzemplero(j)n per la retejo www.esperanto.org.br."

## B.E.L.PROPONAS INTERRETAN SERVON

De la respondeculo pri la retejo de Brazila Esperanto Ligo, la kompetenta Adonis Saliba, ni ricevis la instrukciojn por la nova retservo, disponebla de la ŝtataj Esperanto-Organizoj:
Brazila Esperanta Organizaĵo, oficiale dokumentita, rajtas peti gastigadon ĉe interreta paĝo de BEL. Tiu peto devas esti aprobita de BEL-estraro, antaŭ efektiviĝo. La peto devas esti farita rekte al la Centra Oficejo de BEL letere, per speciala aliĝilo. Anekse al la aliĝilo, oni devas sendi kopiojn de la dokumentoj de la asocio kaj ties reprezentanteco dum la kuranta jaro. [Tio estas necesa pro diversaj misuzoj de interreto kaj jura respondeco de la paĝo, kontraŭe la respondeco fariĝos de BEL kaj ne de la institucio] La servoj estos:

1. Pagi R$20/jare por la paĝa gastigado;
2. Se ŝtata reprezentanto de BEL, ĝi ricevos la retadreson "xx.esperanto.org.br"(xx=ŝtata mallongigo);
3. Se kluba aŭ organizaĵa reprezentanto de BEL: "xx.esperanto.org.br/..klubo..urbo...ktp";
4. BEL disponigos unu retadreson por la reprezentanto aŭ klubo;
5. BEL disponigos dekomence 50 MB por ĉiu reprezentanto aŭ klubo. Pliaj kvantoj eblas kondiĉe de peto de la klubo;
6. La propra asocio devas zorgi kaj provizi la preparadon kaj tenadon de la paĝo.

## FAMA BRAZILA MUZIKISTO INTERVJUITA DE POLA RADIO

Tarcísio Lima, konata gitaristo, kantisto kaj komponisto, estis intervjuita je la 16-a de marto, ene de la radiprogramo "Varsovia Vento". Li parolis pri siaj vivo, kariero kaj KD "Verdstelaj Brazilaĵoj". Eblas aŭskulti la programeron per la retadreso www.viavento.republika.pl.

## NOVA KURSO EN PIAUÍ

El nia nordorienta regiono alvenis informo pri nova kurso de Esperanto. Laŭ raporto de samideano Anderson Miura, el la ĉefurbo Teresina, oni programis por la 16-a de aprilo 2008 prelegon fare de Prof. Neto Pimentel, ĉe Federacia Universitato de Piauí. Sekve, oni planas varbi por baza kurso. Pliajn detalojn petu de andersonmiura@hotmail.com.

### REEDITADO "ESPERANTO PARA PRINCIPIANTES"

A Secretaria da Liga comunica nova edição de 2000 exemplares do manual de autoria de Aloisio Sartorato, que já soma 10000 exemplares vendidos, em 2 décadas. Encomendas pelo sítio www.esperanto.org.br

### LIGA BRASILEIRA DE ESPERANTO OFERECE SERVIÇO NA INTERNET

Por intermédio do responsável por seu sítio na rede, Adonis Saliba, a B.E.L. oferece hospedagem de páginas das entidades esperantistas estaduais ou locais, mediante contrato e pagamento de taxa anual de vinte reais. As próprias entidades solicitantes do serviço deverão preparar e manter atualizadas as suas páginas, que receberão seus endereços individualizados e padronizados.
Mais detalhes mediante contato pelo sítio da Liga: www.esperanto.org.br

### RÁDIO POLONESA ENTREVISTA TARCÍSIO LIMA

Ouça o programa com o conhecido músico cearense pelo endereço www.viavento.republika.pl.

### NOVO CURSO NO PIAUÍ

O companheiro Anderson Miura informa palestra pelo Prof. Neto Pimentel, da Universidade do Piauí, em Teresina, seguida de curso básico de Esperanto. Mais informações com andersonmiura@hotmail.com.

43º Congresso Brasileiro de Esperanto
12 - 16 julho
Fortaleza, CE

http://www.esperantoceara.org.br/

OFTE VIZITU KAJ REKOMENDU AL VIAJ GEAMIKOJ LA BELAN RETEJON DE B.E.L.: www.esperanto.org.br

**Visite o sítio da BEL na INTERNET**

# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Aprilo n-ro 4/2008

## DECIDITE: LA PROKSIMA ŜTATA KONGRESO EN SAN-PAŬLO OKAZOS EN LORENA

Laŭ konsento inter la loka klubo kaj la ŝtata Esperanto-Asocio, la proksima evento okazos je la 10-a ĝis 12-a de oktobro, ĉe la Domo de Kulturo de Lorena. La Direktorino de la Institucio, Prof-ino Eva S. Leite, entuziasme akceptis la proponon kaj eĉ disponigis tridekon da senpagaj gastigoj. Ŝian entuziasmon kaŭzis la bona sukceso de "BEL-Konferencoj", kiu dum la karnavalo 2008 furoris tie. Preparu viajn tornistrojn kaj atentu pli detalajn informojn ĉe la retejo de EASP.

## NOVA NUMERO DE GAŬĈA BULTENO

Publikiĝis en la reto la marta numero de "Gaŭĉa Stelo", bulteno de Esperanto-Asocio de Rio Grande do Sul. Krome, ĉe la sidejo novaj klasoj de Esperanto komenciĝas je la 7-a de aprilo 2008. Petu informon de dornelessoares@uol.com.br.

## VIGLA REGIONA RENKONTO EN RIO

Je la 30-a de marto okazis la unua Esperantista Renkonto en Regiono Leopoldina, Rio. Ĉeestis 68 partoprenantoj. Prelegis Jair Salles (pri movadostrategio), Sylla Chaves (pri vortaroj kaj tradukado). Artaj prezentoj kaj ekspozicio de pentraĵoj de la artisto Renan Hetmanek riĉigis la eventon. La partoprenantoj vigle diskutis.

## POETINO INSTRUAS ESPERANTON EN JUIZ DE FORA

De la grava urbo en Minas Gerais ni ricevis ĉi tiun simpatian sciigon de talenta poetino Maria Nazaré C. Laroca: "Plezure mi informas al vi, ke mi estas tre feliĉa ĉar estas tridek junaj gelernantoj en mia kurso de Esperanto por komencantoj.La lecionoj okazas sabate kaj dimanĉe. Amike,Nazaré - KULTURA ESPERANTO ASOCIO - JUIZ DE FORA –MG"

## BAZA KURSO EN PETRÓPOLIS

Felipe Castro informas: Esperanto-Klubo de Petrópolis/RJ komencos novan kurson de nia lingvo je la 10 de majo, sabate, je la 9-a horo, ĉe Centro de Capacitação em Educação Frei Memória, R. Imperatriz 193. Instruos Vitor Barbosa.

## GRUPO REORGANIZIĜAS EN BARRA MANSA/RJ

"Nia Espero Esperanto-Grupo" reorganiziĝas kaj eĉ inaŭguras propran sidejon. Planiĝis kunveno de la regionaj aktivuloj je la 12-a de aprilo, por formi laborgrupon por disvastigo de Esperanto. Adreso: R. S. Sebastião 105, ĉambro 1153. Infomis Sílvio M. Camargo.

## CONGRESSO ESTADUAL DE ESPERANTO/SP SERÁ EM LORENA

Com entusiástico apoio da Diretora da Casa da Cultura de Lorena, Profª Eva S. Leite, ficou marcado o evento para 10-12 de outubro de 2008. Trata-se de desdobramento natural do grande sucesso das "Conferências da BEL", que ocorreram no mesmo local, no último carnaval. Preparem as mochilas! Visite o sítio da EASP!

## NOVO NÚMERO DO BOLETIM GAÚCHO

Saiu o número de março do "Gaŭĉa Stelo", da Associação Gaúcha de Esperanto. Novos cursos iniciam-se em 7 de abril.

## ENCONTRO NA REGIÃO DA LEOPOLDINA, NO RIO

Em 30 de março último aconteceu mais um rico encontro de Esperantistas no Rio, com 68 participantes, palestras de Jair Salles e Sylla Chaves, além de apresentações artísticas.

## POETISA ENSINA EM MINAS

A talentosa poetisa Maria Nazaré C. Laroca informa que trinta jovens seguem seu curso em Juiz de Fora/MG, aos sábados e domingos, na Associação Cultural Esperantista da cidade.

## CURSO EM PETRÓPOLIS

Felipe Castro informa curso no Clube de Esperanto da cidade, a iniciar-se em 10 de maio, no Centro de Capacitação Frei Memória, ministrado por Vitor Barbosa.

## REORGANIZA-SE O GRUPO DE BARRA MANSA

Sob liderança do ativo companheiro Sílvio M. Camargo, inaugura-se sede própria na cidade e planeja-se atividade regional para divulgação do Esperanto. R. S. Sebastião 105/1153.